// # REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
FRANCA ESPERANTISTO

PUBLICATION MENSUELLE
Avril 1960
28e Année
— N° 190 —

34, Rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## SOMMAIRE

pages
— Sub la signo de bongusta manĝaĵo .................... 51
— Vaison-la-Romaine .......... 52
— Jara Raporto .............. 54
— Vivo de la Grupoj kaj Federacioj .................. 56
— L'Espéranto dans le Monde ... 58
— Frostavallen 1959 .......... 60
— La 45-a Universala Kongreso .. 62
— Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio ................... 64
— La Pariza Foiro ............. 65
— La Grotoj de Han .......... 66

## LA 52-a FRANCA KONGRESO



(Kliŝo « Syndicat d'Initiative »).

La « Tridek Paŝoj »

kie trapasos la ekskursantoj
dum la Kongreso de Montélimar.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**

**M. Jean THIERRY,** UEF, 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction **(un double interligne).** Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

### U.E.F. COTISATIONS

| | F | NF |
|---|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** (Fédération, 20 ; Groupe, 30 ; UEF, 25 ; UEA, 25) | 100 | 1 |
| **MEMBRE ACTIF** | 300 | 3 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E » | 800 | 8 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 500 | 5 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnt à la « RF d'E ») | 1.500 | 15 |
| **MEMBRE A VIE UEF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 25.000 | 250 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO.** | 600 | 6 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 700 | 7 |
| SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** | | |
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 825 | 8,25 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 1.650 | 16,50 |
| (La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj* estas respektive **415** kaj **825 F, 4,15 NF** kaj **8,25 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas **plenan** kotizon). | | |
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 2.500 | 25 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 1.300 | 13 |

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris C.C.P. 855-35 Paris.

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F ; de soutien : 1.000 F ; bienfaiteur : 1.200 F (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance ; ** indiquer la Faculté.

# LE PRÉSIDENT VOUS PARLE

## Pour la PENTECOTE tous à MONTÉLIMAR !

Le Président du Groupe « **Rodana Stelo** », M. R. Llorens doit être récompensé pour les magnifiques efforts qu'il déploie dans l'organisation du Congrès National d'Espéranto. La plus belle des récompenses sera une nombreuse assistance à nos assises nationales.

Un programme attrayant a été mis sur pied, où la culture s'allie à l'histoire, à l'archéologie et... à la gastronomie.

Venez à Montélimar, les 4, 5 et 6 Juin prochain. Engagez vos élèves à participer à ce Congrès. Ils entendront parler Espéranto au cours des débats et auront l'occasion de faire de très belles excursions. Vous viendrez cette année à Montélimar entendre l'allocution de notre dévoué Président International, **le Professeur Georges Canuto** de l'Université de Turin. Vous écouterez avec attention le rapport présenté par le Colonel Omont sur l'expérience officielle d'enseignement de l'Espéranto à plus de 600 élèves des Ecoles de Versailles, l'exposé de votre serviteur sur les cours obligatoires à Perpignan, le compte rendu d'activité d'André Ribot, avec plus de 500 conférences dans les établissements d'enseignement, l'action des Délégués d'UEA. par notre Chef-Délégué Jean Guillaume, le Mouvement Européen des Universités Populaires et l'Espéranto par notre Vice-Président Pierre Petit, la « Revue Française d'Espéranto », par Jean Thierry, rédacteur, les « finances », par Jack A-Rousseau, etc... **POUR LA PENTECOTE... VENEZ A MONTÉLIMAR.** Vous ne le regretterez pas...

R. L.-W.

# LA 52-a FRANCA KONGRESO DE ESPERANTO

**Sub la signo de bongusta manĝaĵo...**

Gekongresontoj, ne forgesu, ke Montélimar estas fame konata pro sia nugato. Vi estos akceptitaj en la fabriko DELAUZUN, kies produktaĵoj — nome nugato « Esperanto » — atingis famecon tra la mondo. Ĉi tiun nugaton vi povos gustumi en la kongresejo. Ankaŭ la mielo de nia regiono estas prave laŭdata : ĝi odoras la Provencan lavendon. Ĉiu kongresano donace ricevos malgrandan poton de tiu bonega mielo, kiun produktas ICKOWICZ de BOLLENE apud Montélimar.

Sed la Rodana Valo de ĉiam estas konata pro siaj delikataj vinoj. Tial konkuras la multnombraj keloj de la regiono pri la honoro akcepti la kongresanojn... tiel, ke eble pro tro multaj vingustumadoj la ekskurso riskas fariĝi eĉ Bakkofesto : la kooperativa kelo de BEAUMES-de-VENISE rezervas al vi varman akcepton kaj montros al vi la modernajn vinaparatojn.

Lou bon muscat de Baumo e lou Frigoulet
Alor se chourlo a la gargato. (F. Mistral)

Proksimume :

La bona muskatvin' de Baŭm' kaj l'Friguleť
jen gustumiĝas per ŝpruc' surlangen.

La kelo de GIGONDAS promesis al vi sian specialan produktaĵon dum la lunda tagmanĝo, sed ankaŭ ĝia prezidanto deziras, ke ni ne preterpasu lian kelon sen mallonga halto.

Kiam botelo de vino el GIGONDAS
sur tablo estas
ĝoj ĉirkaŭ ĝi regas.

Jam antaŭe, la dimanĉon, vi estos kutimiĝinta kun la Rodanvala vino, kiu tiel agrable odoras Francujon. Kaj dum la bankedo la keloj J. MOURET el Sablet rezervas al ni siajn plej bonajn vinojn.

Kredu min, karaj gekongresontoj, vi ne bedaŭros vian viziton en Montélimar kaj ties ĉirkaŭaĵoj. Ankaŭ pri la manĝoj la restoraciestro de la « Hostellerie Diane de Poitiers » — sur kies pordo la esperanta flago flirtas de pluraj monatoj — preparis al vi la plej bone elektitan kaj tamen ne multekostan menuon.

Kiel via palato, ankaŭ viaj okuloj konservos agrablan memoron pri la regiono de la 52-a N.K. dank'al la diverseco de la pejzaĝoj : vastaj vitejoj, grandaj olivarboj, kiuj kreas mirinde nekutiman kadron kaj atestas pri la mildeco de la klimato. Pro gorĝo kun krutaj kaj senkulturaj vandoj, kaj ĉie la tiel pura ĉielo, ĉiam la tiel dolĉa aero, pro ĉio vi bedaŭros forlasi la belegan TRIKASTIN, kaj... eble vi restos tie pli longe, ol vi unue kredis, ĉar mi ne skribis pri la beleco de ĝiaj fraŭlinoj.

Ankaŭ agrablan vesperojn starigis por vi la kongresa komitato.

Sabate, la Universitata horanaro, majstre gvidata de S-ro la Inspektisto de Akademio de Valence, speciale preparas folklorajn kaj esperantajn kantojn.

Dimanĉe, apud la brile lumigita « Verda Stelo » la balo okazos en tute esperantista etoso, kiu memorigos al vi la balojn de la U.K. (Ne forgesu kunporti vian regionan kostumon).

Sed plie la 52-a Nacia Kongreso similos al Univerala Kongreso, ĉar efektive ĝin ĉeestos nia ŝatata prezidanto de U.E.A. Profesoro G. CANUTO. Ankaŭ vi ĉeestos, ĉu ne ? Rapidu aliĝi al la 52-a Franca Kongreso de Esperanto.

La Prezidanto de L.K.K.
R. LLORENS.

---

**INTERNACIA KORESPONDO-SERVO**

Kiam vi petas eksterlandan korespondanton, vi devas skribi kiel eble plej frue al la adreso, indikita de mi. Atendu almenaŭ du monatojn antaŭ ol peti de mi alian adreson, se la unua korespondanto ne respondis, ĉar ofte okazas, ke la eksterlandanoj respondas nur post longa tempo. Ne skribu al mi dum la lernejaj libertempoj, mi ofte vojaĝas eksterlande kaj viaj leteroj ne atingus min.

Por la bona funkciado de la servo, avertu min per simpla karto tuj, kiam vi havas respondon el via nova korespondanto. Iu ajn kritiko aŭ sugesto ĉiam estos bonvena por la sukceso mem de la servo. Mia sliparo nun entenas pli ol 1000 adresojn el 44 landoj, precipe el : Bulgarujo, Ĉeĥoslovakio, Germanujo, Hungarujo, Japanujo, Jugoslavio, Polujo kaj Sovetunio.

S-ino J. Vincent-Le Goff,
avenue du Général-de-Gaulle, Les Andelys.

**Informo pri I.S.A.E.**

Dum 1959 aperis en Scienca Revuo tri artikoloj koncernantaj francan politikon. La franca peranto de I.S.A.E. por Francujo ricevis multajn protestojn de francaj ISAE-anoj. Li do skribis al la Ĝenerala Sekretario S-ano Popoviĉ, kiu respondis, ke li jam skribis pri tio al la eldonisto de Scienca Revuo, kaj ke la afero estos diskutata en Bruselo.

Laŭ la peranto de I.S.A.E. en Francujo, la demando ne estas, ĉu la politika temo estis ĝuste aŭ malĝuste traktita, sed

ĈU EN SCIENCA REVUO ONI RAJTAS APERIGI POLITIKAJN ARTIKOLOJN ?

La peranto de ISAE kaj SR en Francujo
D-ro Jacques BOULOGNE.

(Vidi : Revue Française d'Espéranto, N° 187, Janvier 1960, p. 7. — La Réd.).

# VAISON-la-ROMAINE
## (Vaucluse)

### unu el la vidindajoj dum la ekskurso de la N. K.



Romiaj ruinajoj

VAISON estis, antaŭ la romana okupado, la suda ĉefurbo de la Galla tribo VOCONCES; ĝi fariĝis sub la Imperio, dum kvin jarcentoj, prospera civito. Post la fino de la Roma potenco ĉiuj civilizacioj intersekvis sin kaj lasis tie gravajn postsignojn, kiujn jam de 40 jaroj oni eltrovis, kaj daŭre eltrovos.

VAISON estis romana kolonio ekde la 1-a jarcento antaŭ J.K. kaj ricevis ĉiujn publikajn monumentojn kaj privatajn konstruaĵojn, kiujn permesis kvin pacaj jarcentoj, same kiel en ĉiuj grandaj urboj de la Roma Imperio. Tial la historiistoj de la antikvaj tempoj opinias, ke ĝi estas unu el la plej prosperaj urboj el la Narbonna Gallio. Inter la publikaj monumentoj, kiujn ni povos ankoraŭ tute aŭ parte vidi, la plej imponaj estas la ponto kun 17 metrojn longa sola arkaĵo, la teatro kun 96-metra diametro, granda portiko. Ankaŭ estas stratoj kun siaj kloakoj, postsignoj de temploj kaj baziliko, akvodukto, kvar varmbanejoj.

La domo de la arĝenta busto



La centra strato, kun siaj bone konservitaj trotuaroj, kondukis de la ĉeriveraj kvartaloj al la supraj kaj al la teatro. Ambaŭflanke kuŝas supreniranta strato, sur kies rando staris butikoj, kaj tiu strato estis kovrita per tegmento, kies kolonoj estas eltrovitaj sur sama loko.

La antaŭnelongaj esplorfosadoj montris precizajn detalojn pri la loĝejoj de la riĉaj posedantoj de Gallio. La Domo de « Messü » nur duone estas elfosita, sed la Domo de la Arĝenta Busto estas kompleta, kun sia enirejo, sia vestiblo, sia atrio, siaj apartamentoj, siaj ĝardenoj kaj sia peristilo.

La lastaj esplorfosadoj (1950-1954) ebligis eltrovi novan domon (la domo de la « Reĝido »), unu straton kun sia kolonaro kaj siaj butikoj.

En la urba muzeo oni kunigis la multajn, verajn, ĉi-tie eltrovitajn artaĵojn: marmoraj statuoj de la imperiestroj:

imperiestro kun kiraso, la imperiestro HADRIONA, Sabenino, pluraj kapoj : Venuso, la arĝenta busto, Ariadna, Apolono, kolonetoj, altaroj, multaj bareliefoj, tombaj surskriboj, arĝentaj kaj bronzaj objektoj, moneroj, gravaj postsignoj de freskoj, mozaikoj kaj granda kvanto de argilaĵoj el ordinara argila tero kaj el ruĝa glazurita tero.

Tial la restado en la malnova civito estas ne nur agrabla pro ĝia milda klimato sed ankaŭ tre instruoplena, precipe kiam oni scias, ke la Romanoj kreis tie plezuran urbon, kie ili ŝatis loĝi kaj kie ili orname konstruis la plej belajn monumentojn de la antikva arto.

La kristanismo frue penetris en tiun regionon kaj lasis tie grandvalorajn postsignojn. La plej malnovaj estas la tombaj surskriboj de la IVa, Va kaj VIa jarcentoj, altaroj de la VIIa, marmoraj kaj ŝtonaj sarkofagoj, fragmentoj de ĉiaj skultaĵoj.

Sed la plej bone konservita postsigno estas la katedralo « Notre Dame », kies konstruado daŭris de la VIa ĝis la XIIIa jarcento. La ĥoreja fundo staras sur la ruinaĵoj de granda romia monumento. La navo estis ekkonstruita dum XIa jarcento kaj finita je la XIIIa. La apuda klostro estas unu el la plej bonaj tipoj de la romanika provenca arto. Fine, la kapelo « Sa QUENIN » estas fama pro sia triangula ĥorejo kaj siaj skulptaĵoj. La monaĥejaj galerioj enhavas objektojn, kiuj posedas grandan gravecon por la historio de la kristanismo : kristana sarkofago el blanka marmoro de la Va jarcento, altaro, surskriboj, tombaj ŝtonoj.

Post la fino de la kverelo de la Episkopoj kun la grafo de Tuluzo, nova civito fondiĝis, dum la XIIIa, XIVa kaj XVa jarcentoj, sur la monteto, ĉirkaŭ la kastelo, sur la maldekstra bordo de la rivero, kun sia katedralo, sia episkopejo kaj siaj aristokrataj loĝejoj. Tiu « alta urbo » kiu enhavas domojn de la XVIIa kaj XVIIIa jarcentoj, konstruitajn laŭlonge de malnovaj, serpentaj stratoj, nune prezentas al la artpentristoj poezioplenan kadron, tiel pentrindan kiel la urbo LES BAUX de PROVENCO.

Tien veturos la partoprenantoj de la 52a N.K.



La klostro

(*Kliŝoj : « Syndicat d'Initiative »*)

**FRANCA ESPERANTO-INSTITUTO komunikas :**

*Ekzamenoj* de 15.majo 1959 ĝis 23.marto 1960.

| | kandidatoj | sukcesis | malsukcesis |
|---|---|---|---|
| L | 175 | 141 | 34 |
| SL | 66 | 65 | 1 |
| K | 23 | 13 | 10 |
| | 264 | 219 | 45 |

*Kapableco :* S-ro Maunier Victor (Nice) — S-ro Chevaudonna Roger (Clemont-Ferrand) — S-roj Letendre kaj Maumaux Gilbert (Boisguillaume) — F-ino Reynaud Marthe (Vienne) — S-ro Damase (Paris) — F-ino Corsat Aimée, S-roj Mazade Robert kaj Rouchier Michel (Romans) — F-inoj Bodson Andrée, Berthelot Joselyne, Jacquesson Eve-Line, kaj S-ro Llorens Robert (Caudry).

*La Redakcio.* — Ni gratulas la gesukcesintojn, kaj memorigas al la grupoj, ke jam alvenas la tempo antaŭvidi la kursojn de oktobro ne nur pri simpla sed ankaŭ pri supera lernado. Grupo sen kursoj estas kiel domo sen pordo : neniu povas eniri krom tra la fenestro, se tamen tiu ĉi ekzistas kaj se la eniranto estas akrobato (memlernado) !

*Alvoko al geologoj.* — Nuntempe fondiĝas en Pollando ESPERANTA GEOLOGO-KLUBO : la inaŭguro okazis la 2-an de aprilo 1960.

La nova klubo interesiĝas pri diversaj problemoj : inĝeniera kaj krudaĵa geologioj, hidrogeologio, terboradoj, vivo de geologoj kaj terboristoj en la mondo.

Interrilatu kun POLA- ESPERANTA GEOLOGO-KLUBO, Varsovio 10, Str. Jasna 6, Pollando.

# JARA RAPORTO DE U.E.F. EN 1960

**Propagando.**

En la kadro de la Zamenhofa Jaro, ni uzis la Bazan Dokumenton de I.O.K., kiu estis tute taŭga por ni kaj ni presigis ĝin je 10.000 ekzempleroj. Ni sendis ilin al niaj grupoj por la diversaj urbaj instancoj kaj instruista medio. Tiamaniere ili kontaktis favorajn personojn kaj tio estos tre utila por la estontaj agadoj. UEF sendis tiun materialon al parlamentanoj, inspektoroj de lernejoj, akademianoj, ktp. Tio estis tre grava laboro. Ni semis... ni esperas rikolti.

Pro la politikaj ŝanĝoj, la peticio al la franca ministerio de Edukado, planita de André Ribot, ne havis ĝis nun sekvojn, sed ni esperas reuzi ĝin dank' al kelkaj favoraj politikistoj.

**Paroladoj.**

Nia ĝenerala sekretario André Ribot faris 260 paroladojn en 95 urboj por 16.000 lernantoj kaj 250 instruistoj. Tio estas mirinda laboro, kiu certe efikos al nia propagando dum la proksimaj jaroj. Jam ni konstatis, ke la instruista medio pli kaj pli estas favora al nia lingvo.

**Agado de niaj samideanoj.**

Diversaj grupoj, ĉefe Angers, Marseille, Perpignan, Toulouse kaj Tours, lerte propagandis per ekspozicioj, kunvenoj, artikoloj en gazetoj. Laŭdinda agado!

Kelkaj membroj sukcesis influi la asociojn « Parents d'Elèves » kaj nia gazeto N° 182 aperigis mocion favore al nia lingvo dank'al niaj samideanoj el Nevers. Imitinda agado!

**Popoluniversitatoj.**

S-ro Pierre Petit tre lerte kaj diplomate montris la mirindan utilecon de nia lingvo en la neesperantistaj movadoj. Li interesigis diversajn gravajn personojn, kiel Prezidanto André Marie, iama franca ĉefministro, kaj, pro la fakto, ke P. Petit estas prezidanto de la Eŭropaj Popoluniversitatoj, li rilatas kun eminentuloj kaj ricevas ĝenerale simpatian aprobon.

**Radio.**

Ni faris specialajn klopodojn, pere de S-ro Darnault, ĉe la ministroj.

Regule, nia pariza samideano, S-ro Larglantier aperigas la radio-programojn en la revuo « Esperanto ».

**Perkoresponda kurso.**

Ges-roj A. Ribot akurate plenumas la korektadon de tiu kurso.

**Foiro de Paris.**

Dank'al aro de parizanoj, kiuj sindoneme deĵoris ĉe nia budo, miloj da informiloj estis disdonitaj.

**Stratoj Zamenhof.**

Francujo havas la rikordon de la Zamenhofaj stratoj en la mondo kaj en 1959 du aliaj urboj inaŭguris straton: Baugé dank'al S-ro Micard, kaj Bourg-de-Péage, dank'al la grupo.

**Interkoresponda servo.**

Post S-ro Luez, S-ino Vincent bonvolis akcepti tiun gravan postenon. Ŝi pli kaj pli ricevas petojn ĉefe el Orienta Eŭropo.

**Instruado.**

Konforme al la decido de la Komitato de UEA kaj rezolucio de la Kongreso de Varsovio, UEF sukcesis organizi du oficialajn provojn de deviga instruado de Esperanto en lernejoj. Dank'al niaj klopodoj en Perpignan okazas deviga kurso de Esperanto en la seminarioj por instruistoj kaj instruistinoj.

Plie, en Versailles, post klopodoj de S-ro Omont, kiun ni speciale gratulas, okazas 10 kursoj devigaj por infanoj 11-jaraĝaj kaj sekvataj de 680 gelernantoj kaj pluraj geinstruistoj.

Fine, okazas en multaj urboj nedevigaj kursoj kaj inter ili ni deziras mencii tiun de S-ino Vincent, kiu starigis klubon en sia lernejo kaj interesigis la gepatrojn de la knabinoj.

D-ro Maillard, ĉiam juna kaj agema, forte instigas la gejunulojn lerni nian lingvon kaj ĉiujare faras monan donacon por la plej bonaj lernantoj.

**Franca Esperanto-Instituto.**

Modeste kaj sindoneme S-ro P. Tardieu daŭrigas la funkciadon de la ekzamena kontrolo. Lia raporto aperos aparte.

**Unesko.**

UEA havas konstantajn rilatojn kun UNESKO. Ni ricevas afiŝojn kaj artikolojn. Cetere UEF estas membro de la Komitato de la francaj branĉoj de la Nere-

gistaraj Asocioj kaj S-ro Rougetet reprezentas nin en la labor-kunsidoj.

**Gazetara servo.**

Ni provas organizi pli detale tiun gravan servon, dank'al la kunlaborado de niaj grupoj. Ni estas tre dankaj al la Internacia Gazetara Servo kiu sendas al ni regule multajn artikolojn.

**Financoj.**

Kiel kutime, nia financa ministro, S-ro J.A. Rousseau, faros al vi raporton ĉe la Kongreso de Montélimar. Konfidence ni povas diri al vi, ke li grumblas, kiam oni parolas pri gravaj elspezoj. Dank'al lia ŝparemo kaj la donemeco de niaj samideanoj, kiuj estas Subtenantoj aŭ faras donacojn, la stato de nia kaso estas tamen en ekvilibro.

**Eldonaĵoj.**

UEF eldonis nur informilojn en 1959; kaj ni estas tre dankaj al S-ro A. Ribot, kiu regule aperigas librojn kaj belajn afiŝojn.

**Franca Esperantisto.**

Je propaganda vidpunkto, nia nacia gazeto bone aspektas kaj faras seriozan impreson ĉe la publiko. La enhavo ĉiam pliboniĝas. Bedaŭrinde, ni ne havas sufiĉe da pagataj reklamoj, kiuj permesus ekvilibri nian buĝeton kaj ebligi ĉiumonatan aperon. Ni dankas S-ron J. Thierry, kiu, kun helpo de kelkaj kunlaborantoj, preparas la diversajn numerojn, — inter tiuj kunlaborantoj F-ino Suchareau, S-roj Audibert, Ciliga, Rousseau kaj P. Royer. Malgraŭ la foresto de S-ro Duc Goninaz, kiu estas nun soldato, la Triopo daŭre zorgas pri la Traduka Konkurso. D-ro Albault kaj S-ro Léger bonvolas plenumi la taskon de senpartiaj recenzistoj.

**Membraro.**

Por UEA nia membraro ne multe ŝanĝiĝis: 2.074 anstataŭ 2.082 en 1958. Sed ni konservas la unuan lokon ĉe la delegitaro. Ni havas 274 delegitojn.

Por UEF la plej agema federacio estas Languedoc-Roussillon, kiu triobligis sian membraron, sed, pro la dormado de kelkaj grupoj, niaj voĉdonantaj membroj malmulte kreskis.

Jen la ciferoj depost 1956:

| 1956 | 1957 | 1958 | 1959 |
|---|---|---|---|
| 898 | 942 | 1176 | 1189 |

Ni esperas, ke en 1960 niaj membroj faros sian eblon por pligrandigi nian asocion. Por influi la registarajn instancojn ni devas esti multnombraj.

**Nia nacia kongreso.**

110 personoj aliĝis al la kongreso de Tours, kiu estis bone organizita de S-ro Motillon. Okazis pola vespero kun filmo kaj folklora festo de Poloj, kiuj loĝas en la regiono. Ni serioze laboris kaj planis por la estonteco. La ekskursa tago estis treege interesa kun vizitoj de vinkelo de Vouvray, atoma fabrikejo por elektra forto, la kasteloj de Villandry, Azay-le-Rideau; fine, memortabelo ĉe la domo, kie naskiĝis Pastro Pelletier, kreinto de la Katolika Esperantista Ligo kaj de la gazeto « Espero Katolika ».

**Internacia kongreso.**

La urbo Varsovio bonege organizis nian kongreson. La franca delegacio estis la plej grava post la pola aliĝantaro. La programo estis impona kaj plaĉis al ĉiuj. Kun la kutimaj laboroj, ni havis tri rimarkindajn teatrajn vesperojn, regalon de la Ministro ĉe la Kulturdomo, viziton al Bjalistok, naskiĝurbo de Zamenhof, kaj manifestacion sur lia tombo en Varsovio; fine, inaŭguron de memortabulo ĉe la loko kie li loĝis. Ni konservas neforgeseblajn memoraĵojn de tiu kongreso. J. Guillaume, P. Petit, H. Philippe kaj mi mem reprezentis UEF ĉe la komitataj kunvenoj de UEA.

**Nia centro.**

Ne estas haltoj por F-ino Y. Paulier, kiu regule plenumas je la kontenteco de ĉiuj sian sekretarian laboron. Si ĉiam plezure akceptas ĉiujn vizitantojn kaj neniam plendas pri la kreskanta laboro. Feliĉe, ŝi havas la helpon de S-inoj Noyès kaj Robin, kiuj hejme bonvolas fari rutinajn laborojn kaj de J. Couteaux, kiu senlace akceptas traduki tekstojn.

S-ro Poly, Prezidanto de la Pariza Grupo, feliĉa emeritulo, deĵoras ofte ĉe Chabrol kaj bonvolas certigi la petitajn klopodojn de eksterlandaj samideanoj.

S-ro Dabezies presigas ĉiusemajne kilogramojn da papero. S-ro Tabernat transformas meblojn, riparas kaj faras ŝrankojn por niaj libroj kaj dokumentoj.

Sabate, Chabrol estas vera abelujo, kiam ĉiuj kunlaborantoj venas: oni kunvenas, diskutas, cerbumas, korektas, planas...

En varma atmosfero S-ro Rousseau ne devas fari erarojn en la kalkuloj. J. Guillaume kun helpo de F-inoj Paulier kaj Suchareau, provas solvi sekretariajn problemojn. Vi devas kompreni, ke kelkafoje oni faras iom severajn leterojn al niaj amikoj pro la intereso de la movado. Sed, estu certaj, ke la estraro de UEF tre ŝatas reagojn, konstruajn rimarkojn kaj sugestojn de niaj membroj.

Ni profitas la okazon por danki la multenombrajn samideanojn en Francujo, kiuj pli aŭ malpli aktive kaj modeste laboras por la sukceso de nia kara lingvo.

*La Prezidanto,*

R. LLECH-WALTER.

# " VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ "

**ANGERS.**

Spite al sennombraj loĝaĵoj en nia urbo, ni akceptis sufiĉe da ĉeestantoj en niaj lastaj kunvenoj. Ni esperas, ke ili multobliĝos en la estonto.

*EN DECEMBRO.* Ni kunvenis por festi la mondcelebritan Centjaran Datrevenon. Post prelegoj glorigantaj la neforgeseblan Majstron, oni projekciis lumbildojn de Polujo, Nederlando, Belgujo kaj ankaŭ, ĉar ni estas en Anĝerso, bildojn de Kastelo Grésillon. Kelkaj el la ĉeestantoj rememoris la lastan printempan kunvenon sekvitan de gaja ekskurso en la Baugé ĉirkaŭaĵoj. Ni aŭskultis paroladetojn de du el la grupaninoj, pri siaj vojaĝoj en Hispanujo kaj Danlando.

*EN FEBRUARO.* Tradicia festo por la Reĝkuko, en bele ornamita ĉambrego. Oni ludis, dancis en samideana etoso. Muziko akompanis agrablan gustumadon de tre bona vino el Anjou, kaj kamaradoj prezentis teatraĵetojn.

*EN MARTO.* Vespera kunveno pri Belgujo. Nia Prezidantino paroladis pri la venonta Kongreso. Poste, pluraj gemembroj de la grupo informis la ĉeestantojn pri diiversaj temoj : historio, ekonomiko, folkloro kaj literaturo. La novaj gelernantoj bone komprenis la parolantojn. Tia programo plaĉas : prelego en Franca lingvo, variaj tekstoj en Esperanto. La voĉoj alternitaj malpli lacigas la aŭdantaron.

Tri filmoj multe interesis kaj eĉ ĉarmis niajn amikojn. « Caltex » pruntedonis la unuan : bela vojaĝo al ĉiuj Provincoj, tra arkitekturaj juveloj, belaj folkloraj festoj. La kulturaj Servoj de la Belga Ambasadorejo sendis la du aliajn filmojn. Unu el ili estas interesa turisma dokumento, la lasta prezentas la mirindan hejmon de Reĝino Elizabeth el Belgujo : la kastelo Stujvenberg. La ĉeestantoj ricevis abundan dokumentaron el diversaj turismaj Oficoj, pri Anvers, Gand, Bruges, tuta Belgujo.

*LA 14-an de MARTO.* Vesperkunveno en la klubo. Prezentado de 30 lumbildoj pruntedonitaj de U.N.E.S.C.O. : Mezepokaj freskoj el preĝejoj en Jugoslavio, kun esperantaj tekstoj, tradukitaj el la oficiala broŝuro, kaj registritaj per magnetofono, kun akompanado de malnova religia muziko.

Nun ni planas organizi kulturajn vesperojn pri diversaj Aziaj popoloj en ligeco kun la agado de Unesko « reciproka prijuĝo de la kulturaj valoroj inter Oriento kaj Okcidento ». La unua okazos fine de APRILO pri Uzbekistan, dank'al la ampleksa materialo ricevita de la esperantistoj de Taŝkent kaj de la Uzbeka Asocio por kulturaj rilatoj.

*EN MAJO.* Vespero pri Ĉinio.

> *La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur kliŝojn, sed NE simplajn fotojn.*

De nun estas preparataj aliaj vesperoj pri la juda popolo, la ciganoj, Japanujo, Hindujo, Armenio...

**ESPERANTO-FEDERACIO de BURGONJO (Aube, Haute-Marne, Côte-d'Or, Saône-et-Loire, Yonne).**

JARKONGRESO — 8.majo — en Chaumont (Haute-Marne), en la « Maison des Jeunes », apud la urbdomo.

*Programo :* 9-a 30 — malfermo : laborkunveno :

11-a — publika prelego por prezenti Esperanton, kaj vizito de ekspozicio pri literaturaĵoj, gazetoj, turismaj prospektoj, alilandaj korespondaĵoj kaj diversnaciaj infandesegnaĵoj de lerneja grupo Voltaire en Dijon.

12-a 30 — komuna manĝo en restoracio « Au Petit Cerf », 16, rue Pasteur, apud la urbdomo.

*Aliĝoj* sendotaj ĝis la fino de aprilo, al F-ino M. Lepinte, 22, rue des Perrières, Dijon — C.C. Dijon 484-40, kun sumo de 9 NF (aliĝo kaj manĝo kun vino kaj servo).

**ESPERANTO-FEDERACIO de CENTRA MONTARO (Allier, Ardèche, Cantal, Creuse, Cher, Haute-Loire, Lozère, Nièvre, Puy-de-Dôme).**

JARKONGRESO — 15.majo — en Vichy, sub la honorprezidado de S-ro Pierre Coulon, deputitourbestro de Vichy.

*Programo :* 8-a 30 — akcepto de la kongresanoj.

9-a — ekzamenoj pri simpla kaj supera lernado.

9-a 30 — kunsido : salutvortoj — morala kaj financa raportoj — agado-raportoj de la grupoj (delegitoj) — diversaj demandoj — « La Espero ».

12-a 15 — honorvino donacita de la urbkonsilio.

12-a 30 — komuna manĝo en Hotelo de Monaco.

15-a — varieteoj (interalie, filmo de Thiers pri la Varsovia kongreso).

*Aliĝoj* sendotaj antaŭ la 5.majo al S-ro Courtinat, 20, rue Charloing, Bellerive-sur-Allier — C.C. Clermont 1188-88.

— aliĝkotizo : 1,50 NF (por edzino kaj infanoj, 1 NF).
— komuna manĝo : 10 NF (kun vino kaj servo).
— ekzamenoj : aliĝi 8 tagojn antaŭe.

**DOMFRONT (Orne).**

La grupo memorigas la regionan kongreson de 14.kaj 15. majo, en kies okazo la loka Turism-oficejo mem

eldonis kaj donacis al la grupo specialan poŝtkarton kaj turisman faldfolion.

**EPERNAY (Marne).**

En Epernay ĉiuvendrede okazas Esperanta kunveno; jen la programo :

1° — kurso por komencantoj.
2° — supera kurso.
3° — kantoj por ĉiuj.

La Epernay-grupo konsistas el okdek membroj. La 23-an de februaro okazis letervespero, oni ricevis cent poŝtkartojn kaj informaĵojn pri Esperanto. Nune la urbestraro helpas nian movadon ĝi pruntedonas senpage ĉambregon, kie okazas la kunvenoj. Do, en Epernay nia movado bone kreskas, kaj la Esperantistoj invitas ĉiujn, kiuj deziras viziti la famajn kelegojn, kie oni fabrikas la « vinĉampanon ».

**LE MANS (Sarthe).**

La grupa jarkunveno okazis la 9-an de januaro 1960. Estis elektita la jena estraro : honora prezidanto, S-ro Trichard; prezidanto, S-ro Michel; sekretario, S-ro Le Guelvouit; helpsekretariino, S-ino Jupin; kasisto, S-ro van Royen; respondeculo pri la junularo, S-ro Cottereau; estraranoj, S-roj Saillant, Aubert, Couasnon, Coupry.

**LES ANDELYS (Eure).**

La lernantinoj de la Esperanto-kurso ĵus fondis lernejan klubon, kies sidejo troviĝas en la elementa porknabina lernejo.

La 14 membroj de tiu klubo, jam aliĝinta al U.E.A., kunvenis por la unua fojo la 25-an de februaro en la ludoĉambro de la lernejo. Post lernado de facila kanto, la du bibliotekistinoj pruntedonis Esperanto-librojn legotajn hejme. La dua parto de la kunveno estis dediĉita al la preparo de teatraĵeto verkata de la infanoj mem.

De nun, la klubo kunvenos regule ĉiudusemajne, merkrede, de la 16.30 ĝis la 17.30.

Por kuraĝigi la novajn klubaninojn, bonvolu sendi karton al : F-ino Josette Caron, prezidantino de la Esperanto-klubo, 8, boulevard Néhou, Les Andelys (Eure).

**LILLE.**

La ĝenerala kunveno de la klubo okazis ĉe « Maison du Commerce ». Le ĉeestintoj plezure aŭskultis magnetofonan programon el Pollando. Temis pri kopio de bonkvalita elsendo pri la vivo de D-ro Zamenhof. Kunlaboranto de Radio-Varsovio — S-ro Z. Lutogniewski — perfekte legis la tekston de Jerry Grum. Krome, talenta artisto kantis la strofojn de « Ho Mia Kor ».

S-ro René Curnelle, federacia prezidanto, informis pri la restadoj en Baugé kaj la esperantista tago ĉe la komerca foiro de Lille (24-4).

Post la aprobo de la diversaj raportoj, la geanoj elektis la sekvantan komitaton :
Prezidanto : S-ro M. Lesoin.
Vic-Prezidanto : S-ro R. Curnelle.
Sekretario : S-ro A. Labit (120 bis, rue Meurein Lille).
Help-sekretariino : S-ino L. Giloteaux.
Kasistino : F-ino M. J. Delsalle.

**MONTELIMAR (Drôme). — « Rodana Stelo ».**

Malgraŭ la aktiva preparado de la Nacia Kongreso, la grupo ne strikas.

*5-an de oktobro.* — Kiinejo-vespero profite al la kaso, kun Esperanta ekspozicio en la kinejo (300 personoj ĉeestis). Poste komenciĝis kursoj : 3 en Montélimar, 1 en la gimnazio de Le Teil (30 gelernantoj) kaj 2 en la gimnazio de Orange, 6 kursoj gvidataj de S-ro Llorens.

*Zamenhofaj festoj.* — La 13-an de decembro, 10 membroj ĉeestis en Bourg-de-Péage, la inaŭguron de la strato Zamenhof. La 20-an, en la sidejo « Salono Boirac » la prezidanto memorigis la vivon kaj verkon de Zamenhof.

*4-a datreveno de « Rodana Stelo ».* — La 17-an de januaro la grupo festis sian 4-an datrevenon. Pro la aĉa vetero, la najbaraj grupoj ne povis ĉeesti, nur 20 membroj de la dinamisma grupo de Aubenas malgraŭ neĝo kaj glacio sur la vojoj, vizitis la salonon Boirac, kiu estis preskaŭ tro malgranda por enteni pli ol 50 personojn.

**MONTPELLIER (Hérault).**

1° — La 7-an de marto okazis la ĝenerala kunveno de la grupo, je la 21-a.

Adreso : 34, rue de l'Université.

La kunvenoj okazas regule ĉiujn unuajn lundojn de la monatoj.

2° — La 24-an de aprilo okazos regiona renkonto en PRIMECOMBES, apud Sommières (Gard), dum la tuta tago. Ĉiuj Esperantistoj estas kore invititaj. Por ĉiuj informoj sin turni al :

« Groupe espérantiste », 5, rue du Docteur-Roux, *Montpellier* (Hérault).

---

*GRAVA ALVOKO.* — La ĝenerala sekretario de la Internacia Kongreso pri Abelbredado, kiu kongreso okazos en Madrido dum 1961, intencas organizi kunvenon de esperantistaj abelbredistoj.

Fakuloj bonvolu diskonigi la fakton kaj interrilati kun : XVIII Congreso Internacional de Apicultura — Secretario General — Calle de la Huertas num 26 — Madrid (14) — Hispanujo;

aŭ kun S-ro Gaston Vidal fakdelegito pri Abelbredado — 58, av. des Landais — Clermont-Ferrand, Puy-de-Dômue — Francujo.

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE







Cliché aimablement prêté par « Heroldo de Esperanto ».

CI-CONTRE :

1. — *La Fête du Centenaire du Dr. Zamenhof, à Varsovie.*

Etaient présents, entre autres, le Prof. Dr. J. Loth, P. Rowinski (de la Radiodiffusion Polonaise), T. Urbanski (du Conseil Municipal), J. Szkop (secrétaire d'Etat à l'Education), I. Dratwer (président du Comité du Centenaire), Z. Garstecki (secrétaire d'Etat à la Culture et aux Arts). (Photo : B. Puk, Varsovie).

2. — *Après la fête, à Mantova (Italie).*

Quelques membres du groupe, réunis sous la présidence du Prof. M. Bardini. (Photo : « Foto Sbarberi »).

3. — *L'inauguration d'un banc dans la ville de Bournemouth.*

Le maire, M. L.V. Barney retire le drapeau qui recouvrait le banc ; on pourra lire en anglais gravé dans le bois : « 1859 — Don des espérantiste de Bournemouth et de la région, en commémoration du centenaire de la naissance de Dr. L.L. Zamenhof, auteur de La Langue Internationale Espéranto — 1959 ». (Photo : « Bournemouth Evening Echo »).

4. — *L'inauguration de la rue Zamenhof, à Bourg-de-Péage.*

Le maire, M. Durand, député et conseiller général, vient de couper le ruban traditionnel. Etaient présents : M. Asquéri, le président du groupe « Bona Stelo » ; M. Didier, le maire de Romans et M. Deval, le conseiller général de Romans.

5. — *Un cours d'Espéranto dans la ville de Palencia.*

Ces élèves désirent des correspondants : s'adresser en Espéranto à S-ano E. Marban, Mayor 25, Palencia, Espagne. (Photo : « Estudios Madrid » à Palencia).

★

## NOUVELLES BREVES

*Angers.* — Le Comité de la Foire Exposition de l'Anjou a mis, du 3 au 13 juin 1960, un stand à la disposition du Cercle Angevin d'Espéranto.

*Bulgarie.* — Le théâtre espérantiste bulgare a présenté à Sofia la pièce en deux actes de Ivan Vazov « La Chasse aux Emplois ».

*Brésil.* — « La Lampiro » de Sao Paulo communique : le réalisateur du film « O cangaceiro », M. Lima Barreto, prépare actuellement un film entièrement en Espéranto : « La Unua Meso ».

*Israël.* — A Jaffa, sur la proposition de B. Buhner, un cours d'Espéranto fonctionne à l'école secondaire « Dov-Hoz » sous la direction de M. Maŝler. Le nombre des élèves a dû être limité à 25.

*Italie.* — A Cervia, Viale du Mille 70, vient de s'ouvrir une pension et un restaurant Espéranto ; ceux qui parlent la Langue Internationale peuvent y trouver certains avantages (Demandez le prospectus).

*Pologne.* — Lors des fêtes de Noël 1959 la radio polonaise a diffusé des pastorales en Espéranto.

*Rio de Janeiro*. — Chaque matin « Radio Mundial » diffuse un programme d'une demi-heure sur l'Espéranto, sous la direction de Jorge S. das Neves.

« *La Vie des Plantes* », ouvrage original en Espéranto du Dr. P. Neergaard, a déjà été traduite dans une dizaine de langues nationales.

« *La Vie de Zamenhof* » de Ed. Privat a été traduite en norvégien d'après l'original en Espéranto.

*La biographie de Adam Mickiewic* a été traduite d'Espéranto en chinois.

« *Nevalora ofero* » est le titre de l'œuvre de Rabindranath Tagore, que vient de traduire du bengali en Espéranto Lakshmiswar Sinha.

## LES ESPERANTISTES HONGROIS CORRESPONDENT AVEC 83 PAYS

Le Conseil National Hongrois d'Espéranto s'est récemment réuni à Budapest.

Le compte rendu de ses travaux annonce qu'environ une centaine de cercles espérantistes fonctionnent actuellement en Hongrie. Leurs membres sont en correspondance avec les espérantistes de 83 pays avec lesquels ils se livrent également à des échanges.

Ces cercles organisent des cours d'Espéranto à Budapest et en province contribuant ainsi à accroître l'intérêt des hongrois pour l'Espéranto.

Les espérantistes hongrois participeront au Congrès mondial d'Espéranto qui se tiendra cette année à Bruxelles (Belgique). Ils ont récemment traduit en Espéranto et vont publier « JEAN le BRAVE » de Sandor PETOFI.

## UNE OPINION D'OUTRE-MER

Un vietnamien, M. Nguyen-van-Kinh, constatait après le récent 44[e] Congrès Universel d'Espéranto : « Nous n'avons plus besoin d'une armée de traducteurs, de montagnes de traduction, ni de machines à traduire électroniques ultra-modernes. La vaste diffusion de l'Espéranto en Asie montre qu'il est considéré comme la langue la plus facile à apprendre... Il y a quelques années, un groupe de savants chinois, le professeur Lo Chou de Sensi et ses collègues, renonçait au latin comme langue scientifique et recommandait vivement l'usage de la langue internationale Espéranto. Au Vietnam, les jeunes qui apprennent et pratiquent le français pendant une dizaine d'années ne sont pas capables de l'écrire correctement. Après seulement six mois d'étude, ils écrivent correctement en Espéranto.

Les adversaires de l'Espéranto prétendaient que c'était une langue artificielle, qu'elle mourrait avant la mort de son auteur. Les adversaires de l'Espéranto ont disparu, mais l'Espéranto vit ! L'œuvre géniale de Zamenhof s'est incarnée dans des milliers de personnes vivantes, elle vit et elle prospère.

Les langues vivantes nationales sont-elles naturelles pour tous les hommes ? Nullement ! La langue maternelle, donc naturelle, d'un peuple, est étrangère, donc artificielle pour un autre... Pour nous autres vietnamiens, toutes les langues européennes sont étrangères, donc tout à fait artificielles... L'Espéranto, grâce à la souplesse de sa syntaxe qui tolère différents ordres des mots, est à ce point de vue une langue naturelle...

Dans tous les pays où la littérature de traduction existe à peine et où la littérature originale n'est pas encore répandue, l'Espéranto met à la disposition des lecteurs, sa bibliothèque internationale avec plus de 50.000 titres. Pendant près de 80 ans de présence française, aucun ouvrage de Victor Hugo, Anatole France, Maupassant, Zola, Balzac, etc., n'a été traduit en vietnamien. Nous avons pris connaissance avec des chefs-d'œuvre de la littérature mondiale tels que « Le Pharaon », « Messire Thaddée », « Quo Vadis », « Roméo et Juliette », « Eugène Onéguine », « L'inspecteur général », etc., uniquement grâce à la langue internationale Espéranto qui appliquée à la coopération culturelle, ne supprime pas, mais au contraire enrichit les langues nationales et renverse le chaos linguistique et les discriminations. »

(Extrait de « Nuntempa Bulgario », traduit de l'Espéranto).

---

La notion de « langue maternelle » est certes, très équivoque : elle obnubile bien des esprits, engendre même de véritables « superstitions » intellectuelles... On considère ordinairement naturel, par opposition à artificiel, tout ce qui n'est point le fait de l'homme ; or, en dehors des *hommes* il n'est point de langue connue, au sens commun du terme, et si les belles-lettres sont un art, combien les langues dites naturelles ne doivent-elles pas aux génies de leurs écrivains ? Ainsi, faudrait-il élargir le sens du mot « naturel » à tout ce qui n'est point le fait d'un seul homme ; mais alors une langue qui se développe et s'enrichit depuis presque trois quarts de siècle, est devenue naturelle, puisque quarante-trois ans après la mort de son « initiateur », on ne saurait plus la considérer comme le fait d'un seul homme, mais bien comme celui de plus de trois générations d'hommes. (La Réd.).





---

Pour tous renseignements sur l'ESPERANTO,
une adresse : U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris-X[e].
un téléphone : PRO. 55-03.

**UEA raportis al UNESKO pri la aranĝo en FROSTAVALLEN. Jen la koncerna raporto :**

# Frostavallen 1959

# LANDOJ kaj POPOLOJ

## Kun atento pri orienta kaj okcidenta kulturaj valoroj

### SUB AUSPICIOJ DE SVEDA INSTITUTO — UNESCO



(Kliso laŭ afabla permeso de « La Espero »)

**La profesoroj de la Somera Universitato priparolas teknikan problemon. Lic. Sekelj (Jugoslavio), prezid. Strönne (Svedlando), Dir. Itoo (Japanujo), doc. Pragano (Nederlando), prof. D-ro Lapenna (Britujo).**

En aŭgusto 1958, la Komitato de Universala Esperanto-Asocio aprobis Rezolucion, akceptitan de la 43-a Universala Kongreso de Esperanto en Mainz, ke estu formita speciala Komisiono por studi la metodojn laŭ kiuj la Esperanto-Movado povas plej efike kontribui al la realigo de la Granda Projekto de UNESKO pri Reciproka Aprezado de la Orienta kaj Okcidenta Kulturaj Valoroj. Samtempe estis elektita la Komisiono, kiu konsistas el Prof. D-ro Hideo Yagi, Okayama, Japanio, prezidanto ; N. R. Smith, B. Sc., London, Unuiĝita Reĝlando, sekretario ; J. Thierry, Parizo, Francio ; Lic. Tibor Sekelj, Beograd, Jugoslavio ; Veerendra D. Adaya, New Delhi, Hindio, kiel membroj. La Komisiono ellaboris planon, kiu estis plej parte aprobita de la Estraro de UEA. La plano, interalie, antaŭvidis okazigon de speciala seminario kun prelegoj kaj diskutoj pri la orientaj kaj okcidentaj kulturaj valoroj. La seminario efektive okazis kaj ĝi estis el ĉiuj vidpunktoj rimarkinda sukceso, kiel vidiĝos el tiu ĉi konciza raporto.

**Invitintoj.** — La organizinto de la seminario estis la Sveda Esperanto-Instituto, kiu estas institucio kunlabore kun Sveda Esperanto-Federacio, unu el la landaj branĉoj de Universala Esperanto-Asocio. La aliaj invitintaj organizajoj estis la Sveda UNESKO-Konsilantaro kaj la Sveda Instituto por Kulturaj Interŝanĝoj kun Eksterlando. La respondeca persono por la organizo estis s-ro Jan Strönne, prezidanto de la Sveda Esperanto-Federacio el Malmö, Svedio.

**Loko kaj daŭro.** — La seminario okazis en Frostavallen, apud Höör, Svedio de la 9-a ĝis 16-a de aŭgusto 1959. Frostavallen situas apud arbaro kaj lageto, konsistas el kelkaj konstruajoj por loĝigo kaj prelegoj kaj entute estas ideala loko por tiaspeca intelekta laboro kaj interŝanĝo de pensoj.

**Nombro de partoprenintoj.** — La seminarion partoprenis entute 83 personoj, precize tiom, kiom estas eble loĝigi, el 13 landoj, ĉefe el Eŭropo, sed ankaŭ en Japanio kaj Brazilo. Kelkajn prelegojn ĉeestis pli ol 150 personoj, ĉar multaj venis el apudaj lokoj Malmö kaj Lund. Laŭ la profesio, le plimulto estis instruistoj de mezgradaj kaj elementaj lernejoj, sed ankaŭ kelkaj universitataj profesoroj. Unu el la celoj de la seminario estis, ke la ĉeestantoj reveninte al siaj landoj, faru prelegojn en la lernejoj kaj en diversaj kulturaj organizajoj pri la spertoj kaj scioj akiritaj en Frostavallen. Konsiderante la grandan nombron de instruistoj, estas tute certe, ke ankaŭ tiu celo estos plene realigita.

**Interesiĝo de la publiko.** — La seminario elvokis grandan interesiĝon en la regiono kaj estis konsiderata kiel grava kultura evento. En la svedaj kaj norvegaj gazetoj aperis entute 14 artikoloj pri la seminario, pluraj el ili kun titoloj super tri kolumnoj. En ĉiuj artikoloj estis prezentita la graveco de la Granda Projekto de UNESKO kaj la alta kultura nivelo de la seminario. La eldonkvanto de ĉiuj gazetoj, kiuj aperigis artikolojn pri la Seminario, estas pli ol 300.000.

**Programo.** — La seminario okazis sub la tradicia nomo "Sveda Somera Semajno" kun la ĝenerala titolo "Landoj kaj Popoloj, kun Speciala Atento pri la Orienta kaj Okcidenta Kulturaj Valoroj". La sola lingvo por la prelegoj, diskutoj kaj konversacioj estis la Internacia Lingvo Esperanto.

**Resumo de la prelegoj**

**Ivo Lapenna,** doktoro pri juro, estinta profesoro de Internacia Publika Juro en la Universitato de Zagreb. nun Fellow in International Studies at the London School of Economics and Political Science of the University of London faris tri prelegojn.

En la unua prelego li prezentis mallonge la strukturon kaj celojn de UNESKO, klarigis la sencon de la Granda Projekto pri Reciproka Aprezado de Orienta kaj Okcidenta Kulturaj Valoroj, montris la ĝisnunan laboron de UNESKO sur tiu kampo kaj ĝiajn planojn por la estonteco. Li dediĉis specialan atenton al la plano de UNESKO, parte jam realigita, pri publiko de reprezentaj verkoj el naciaj literaturoj de Oriento kaj Okcidento. La preleginto emfazis la malfacilajojn, kiujn renkontas UNESKO

en la realigo de la Plano pro la lingva obstaklo.

En la dua prelego Prof. Lapenna parolis pri kelkaj karakterizaj trajtoj de la kultura vivo kaj moroj en la landoj de Orienta kaj Okcidenta Eŭropo. Li koncize prezentis la ekonomian kaj socian fonon, sur kiu elkreskis la tradicaj kulturoj de kelkaj landoj en Orienta Eŭropo — precipe Jugoslavio, Bulgario, Rumanio kaj Albanio — kaj priparolis la popolan poezion, popolan muzikon kaj popolan artan kreadon. Li komparis tiujn tradiciajn kulturajn valorojn kun la Okcidentaj kulturaj valoroj kaj ankaŭ kun la modernaj kulturaj valoroj, kreataj nuntempe en Orienta Eŭropo. La preleginto prezentis ankaŭ interesajn morojn kaj kutimojn en Orienta kaj Okcidenta Eŭropo.

En la tria prelego Prof. Lapenna parolis pri la kontribuo de Universala Esperanto-Asocio kaj ĝenerale de la Esperanto-Movado por la realigo de la Granda Projekto. Interalie li akcentis, ke estas ellaborita plano por eldono de reprezentaj verkoj el diversaj naciaj literaturoj en Esperanta traduko. En 1960 aperos kiel la unuaj verkoj de la nova serio "Oriento-Okcidento" la fama Kalevala, tradukita el la finna, kaj elektitaj verkoj de Rabindranath Tagore.

**N. Kawasaki,** doktoro pri filologio, profesoro de la japana literaturo, japana lingvo kaj lingvistiko en la Universitato de Osaka, bedaŭrinde ne povis persone ĉeesti, sed liajn prelegojn tralegis, komentariis, kaj donis respondojn al diversaj demandoj s-ro Eizo Itoo el Kioto, Japanujo.

La unua prelego de Prof. Kawasaki rilatis al la penetro de Kristanismo en Japanujon kaj al la influo, kiun havis Kristanismo sur la japanan socion. La Kristanismo, kiu komencis penetri en Japanujon en 1549, havis post nuraj 40 jaroj ĉ. 200.000 sekvantojn en Japanujo, kiu tiam havis ĉ. 20 milionojn da loĝantoj. Tiam la registaro malpermesis Kristanismon kaj la malpermeso daŭris preskaŭ 250 jarojn. Nur en 1873 la disvastigo de Kristanismo estis denove permesita. En la prelego estis faritaj komparoj pri la fundamentaj ideoj de Kristanismo, Budhaismo kaj Sintoismo, la propra religio de Japanujo.

En la dua prelego Prof. Kawasaki skizis la ĉefajn trajtojn de la japana lingvo kompare kun la hindoeŭropaj. Li donis kelkajn bazajn nociojn pri la japanaj fonetiko kaj gramatiko.

En la tria prelego estis prezentitaj kelkaj aspektoj de la japana kultura kaj socia vivo. La demandoj pritraktitaj estis la domo, ĝia aspekto kaj ĝia signifo en la socia vivo de Japanujo ; la vestoj de viroj kaj virinoj ; la diversaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj.

En la kvara prelego estis pritraktita la demando al kiu lingvofamilio apartenas la japana lingvo. Sian tre interesan prelegon la konata japana lingvisto konkludis dirante, ke en Japanujo ekzistas du Skoloj pri la origino de la japana lingvo. La nordistoj opinias, ke ĝi apartenas al la altaja familio, dum la sudistoj opinias, ke la japana lingvo estas unu el la polineziaj aŭ indoneziaj lingvoj. La unuaj bazas sian opinion sur la simileco de la gramatikoj, la aliaj sur la simileco de fonetikaj. Ambaŭ skoloj havas malfortan punkton. Tiel aperis tria teorio, laŭ kiu en Japanio oni unue parolis lingvon de polinezia familio, sed poste venis popolo kun altaja lingvo. Tiu popolo estis ne multnombra kaj tiel okazis, ke, kvankam la gramatiko de la altaja lingvo enkondukiĝis, tamen restis la fonetiko de la polinezia lingvo. Laŭ la preleginto mem, li "inklinas" diri, ke la fundamento de la japana lingvo estas altaja kun importo de multaj polineziaj vortoj.

**Tibor Sekelj,** licentiato pri juro, konata esploristo kaj verkisto, membro de Royal Geografical Society, kiu jus revenis de sia dujara vojaĝo en Hindio, Nepalo kaj Ĉinio, nun en Beograd, Jugoslavio, faris kvar prelegojn.

En la unua prelego Lic Sekelj parolis pri siaj impresoj el Turkio, Izraelo, Irano, Pakistano, Hindujo, Nepalo, Cejlono, Birmo kaj Ĉinio. Li elmontris kiel la okcidenteŭropa civilizo miksiĝas kun la antikvaj kaj kelkfoje tre elstaraj kulturoj de tiuj landoj. Specialan atenton li dediĉis al la problemo de troloĝiteco en Hindio kaj Ĉinio, montrante la diversajn klopodojn por ĝin solvi.

En la dua prelego Lic. Sekelj prezentis la 6-mezamerikajn landojn, inter Venezuelo kaj Meksikio, pasante tra Panamo, Kosta Riko, Salvadoro, Nikaragvo, Honduraso kaj Gvatemalo, landoj en kiuj li pasigis 4 jarojn, studante precipe la kulturon de la Majaoj. Li priparolis la altajn valorojn de la antikvaj civilizoj en Meza Ameriko, kaj iliajn hodiaŭajn restajojn arkeologiajn kaj sociajn.

En la tria prelego estis prezentita la lingva problemo en Azio. La preleganto elmontris la urĝan bezonon de la aziaj popoloj interkompreniĝi inter si pro la kreskanta kontakto inter ili, kaj pro la pli kaj pli urĝa deziro de politika, ekonomia kaj kultura integriĝo de la aziaj kaj afrikaj popoloj. Malgraŭ la ekzistanta deziro, tiu integriĝo estas malhelpata pro manko de komuna lingvo. Ĉiuj aziaj lingvoj, eĉ se parolataj de multaj milionoj da homoj, estas nur lokaj lingvoj, kaj estus malfacile imagi iun ajn el ili kiel "interazian" lingvon, La ebleco adopti iun el la eŭropaj lingvoj kolizias kun la malfacilaĵo, ke dum iuj landoj certe pledus por la angla, aliaj preferus la francan, la rusan, la araban aŭ la nederlandan, kvankam ĉiuj tiuj lingvoj estas malamataj kiel simboloj de fremda regado. Pro tio — diris la preleganto — multaj el la politikistoj kaj kleruloj, kun kiuj li konversaciis pri tiu problemo, konsideras ke Esperanto pro sia neŭtraleco, facileco, elasteco kaj fleksebleco prezentas eblan solvon por la ŝajne nesolvebla problemo.

En la lasta prelego lic. Sekelj parolis pri Nepalo. Per sia priskribo kaj multaj koloraj lumbildoj li aproksimigis al la aŭskultantoj tiun foran landon, kaŝitan ĉe la piedoj de Himalajo. Post geografia lokigo li priskribis la popolon, la religiojn kaj morojn, la historion kaj artojn. La aŭskultantoj konatiĝis kun la problemo de edukado, la ekonomio kaj la plej nova politika evoluo de la lando, kiel ankaŭ kun la helpo, kiun ĝi ricevas de la internaciaj organizaĵoj kaj kelkaj landoj.

**S. Pragano,** docento de la rumana lingvo kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdam faris du prelegojn.

En la unua prelego Doc. Pragano prezentis sian naskiĝlandon Rumanion, ĝian kulturon kaj multajn interesajn popolajn kutimojn kaj morojn.

En la dua prelego Doc. Pragano parolis sub la titolo "Modernemo kaj Tradicioj en Nederlando". Li prezentis la formojn de tradicia kulturo en Nederlando kaj la grandegan teknikan progreson, kiun ĝi faris kaj plue faras en la moderna epoko.

**F-ino Aafke Laverman,** mezgrada instruistino el Nederlando faris unu prelegon ekster la programo pri siaj impresoj dum vojaĝo tra Afriko. Per siaj klarvidaj observoj ŝi sukcesis proksimigi tiun kontinenton kaj ĝiajn problemojn al la aŭskultantaro.

La prelegoj de Lic. Sekelj, D-ro Pragano, f-ino Laverman kaj unu prelego de Prof. Kawasaki estis ilustritaj per multaj lumbildoj kaj filmoj. La Filmojn disponigis la nederlandaj, resp. sudafrikaj aŭtoritatoj.

En Londono, la 19-an de septembro 1959.

**Universala Esperanto-Asocio.**

# 45-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bruselo (Belgujo) 30 julio - 6 aŭgusto 1960**

**Alta protektanto : L.M. Baŭdueno, reĝo de la belgoj.**

**KONGRESAJ EKSKURSOJ.** — La Loka Kongresa Komitato decidis, ke la tuta tago ĵaŭdo, la 4a de aŭgusto, estos dediĉita al tri samtempaj tuttagaj ekskursoj :
1. Mezepoka Bruĝo kaj sunoplena marbordo.
2. Mondhaveno Antverpeno kaj ŝipekskurso sur la Skeldo.
3. Ardenaj Montoj kaj la Kvin Valoj.
— Estas antaŭviditaj ankaŭ du vizitoj duontagaj :
1. Vizito tra moderna kaj historia Bruselo.
2. Historia vizito al Waterloo.
— Detaloj aperos en la Dua Oficiala Bulteno.

**POSTKONGRESA EKSKURSO.** — Tri tagojn al Liego, Aaheno, Kolonjo, kaj ŝipe sur la idilia Rejno.

**FERVOJA RABATO :** La belgaj fervojoj asignis 25 %-an rabaton al ĉiuj kongresanoj, kiuj partoprenos en la 45-a Universala Kongreso de Esperanto en Bruselo.

**SEKCIOJ :** La Estraro de UEA decidis, ke la Kongreso laboru en du sekcioj :
1) « Esperanto en la lernejoj ». Prezidanto : Prof. D-ro I. Lapenna.
2) « Kultura kontribuo de Esperanto al la Granda Projekto de UNESKO Oriento-Okcidento ». Prezidanto : S-ro Norman Smith.

**OFICIALA ANTAŬKONGRESO :** Oni ricevas informojn pri la Oficiala Antaŭkongreso en Arnhem (de la 27-a ĝis la 29-a de julio 1960) ĉe la sekretario : S-ro H. Groendijk, Pontanuslaan 7, Arnhem (Nederlando).

**JUNULA VESPERO :** La Loka Kongresa Komitato invitis la Esperantistan Jaz-orkestron el Ljubljana ludi en la kadro de la Junula Vespero, kiu dum la Universala Kongreso estos rezervita el gekongresanoj ĝis 25 jaroj.

**KOMUNAJ LOĜEJOJ :** La Loĝiga Servo de L.K.K. organizis taŭgajn komunajn loĝejojn je prezo de 45.— b.fr. por persono kaj por nokto, inkluzive de matenmanĝo.

**BANKEDO :** Antaŭ la Kongresa Balo okazos en la Madalenaj salonoj komuna festa bankedo kun orkestra muziko.

**AFIŜO :** La Centro de Informado de la Urbo Bruselo decidis eldoni turisman afiŝon, cm. 60×100, en Esperanto. Lokaj esperantistaj societoj aliĝintaj al Landaj Asocioj povas ĝin ricevi mendante ĉe : 45-a Universala Kongreso de Esperanto, Bruselo.

**MUZIKAJ PROGRAMOJ :** La kvarteto « Beltono » de la Pola Radio kantos en Esperanto dum la muzikaj programoj de la Universala Kongreso.

**SPECIALA KURSO :** La Kongresa Komitato malfermis specialan kurson por la turismaj gvidistinoj (hôtesses) de la urbo Bruselo.

**BAZA ARTIKOLO :** Jenaj lokaj Esperanto-Societoj mendis la Kongresan bazan artikolon por organizi belgajn vesperojn : Horsen (Danlando), Nova Zagora (Bulgarujo), Epernay, Fécamp, Wattrelos, Toulouse (Francujo), Bad Hersfeld (Germanujo), Barcelona, Moya (Hispanujo), Papa (Hungarujo), Poznan, Torun (Pollando), Selzach (Svisujo).

**BLINDULA KONGRESO :** La 30-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj okazos en la kadro de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto. Adreso : S-ro C.A. Verlinde, Kromme-Mijdrechtstr. 66 (I), Amsterdam Z, Nederlando.

**FILMOJ EN ESPERANTO :** Preskaŭ seninterrompe dum la kongresa semajno estos projekciataj en Bruselo serio da elitaj belgaj turismaj filmoj kun sinkronizita parolo en la Internacia Lingvo. La parolo estas zorgita de la Esperanto-Societoj en Antverpeno, Bruĝo kaj Bruselo.

**ADOPTAJ PATROJ :** Por inviti infanojn el landoj malproksimaj aŭ kun devizaj malfacilajoj aŭ el nebonstataj familioj, la Loka Kongresa Komitato kreis kategorion de « Adoptaj Patroj » kun kotizo de 400.— b.fr. Listo de « Adoptaj Patroj » aperos en la kongresaj komunikoj. Ĉiu « Adopta Patro » ricevos specialan diplomon.

**NOVAJ FAKKUNVENOJ :** Anoncis fakkunvenon :

— Veterana Esperantista Klubo : « La frujara aktiveco de la pioniroj ». Adreso : S-ro Maurice Lewin, 33 Kingscroft Ave, Dunstable 674, Britujo.
— Eŭropa Lingvo-Kampanjo : « Historio kaj nuna stato de la eŭropa integriĝo ». Adreso : D-ro Wilhelm Herrmann, Bürstadte str. 3, Lampertheim/Hessen, Germanujo.
— Studenta Tutmonda Esperantista Ligo : « Problemoj de la Studenta Ligo, Enkonduko de Esperanto en la Universitatojn ». S-ro Paul Ciliga, Francujo.
— Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista : « Internacia katolika laborista junularmovado ». Adreso : Sac. A. Beckers, Kwaadmechelen, Belgujo.
— Internacia Fervojista Esperantista Federacio : « La belgaj fervojoj. Fervojoj kaj lingvobaroj Prizorgado de belgaj fervojistidoj ». Adreso : Esperanto, Gare Centrale, Bruselo.
— Internacia Geografa Asocio. Adreso : S-ro von der Ley, Ulrichstrasse 18, Tailfingen/Württ., Germanujo.
— Internacia Scienca Asocio Esperantista. Adreso : Prof. D-ro B. Popovic, Zagrebačka 18, Sarajevo, Jugoslavio.
— Liberekonomia Movado : « Publikigo de la esperanta traduko de la « Natura Ekonomia Ordo ». Adreso : S-ro F. Swinne, 77 rue de Nieuwenhoye, Bruselo-Uccle.
— Esperanto Ŝakligo Internacia. Adreso : S-ro Torsten Lindberg, Prässebo, Svedujo.
— Internacio de Militrezistantoj : « Bazaj principoj de pacifismo ». Adreso : S-ro Alfred G. Tucker-Birchcroft, Pilgrims way, Harbledown, Canterbury, Kent, Britujo.
— Kristana Esperantista Ligo Internacia. Adreso : S-ro De de Boer, Druivenstr. 32, Den Haag, Nederlando.
— Skolta Esperantista Ligo pri : « Kiel solidigi la ĝisnunajn atingojn ? ». Adreso : S-ro J. Van Gulck, Wolfagerslei 40, Borgerhout (Antverpeno), Belgujo.
— Universala Ligo, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando.
— Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. Adreso : F-ino V.C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, Birmingham 30, Britujo.
— Internacia Asocio de Juristoj-Esperantistoj pri : « La pozicio de advokato en diversaj landoj ».

Adreso : S-o Sven Ziegler, Bjernedevej 62, Kobenhavn Brh. Danlando.

**ORATORA KONKURSO :** La Estraro de UEA decidis, ke la Oratora Konkurso enhavu jenajn temojn :
— « Internaciismo, naciismo kaj patriotismo »
— « Aspiroj de la junularo en mia lando »
— « La internacia jaro de la rifuĝinto »
— « Sporto -ĉu rimedo de internacia amikiĝo ? »
— « Virinaj rajtoj ».

Rajtas partopreni en la Oratora Konkurso gejunuloj ĝis 28 jaroj. La premioj estos jene dividitaj :
1-a premio = 2.500.— b.fr.
2-a » = 2.000.— »
3-a » = 1.500.— »

La unua premiito ricevos, krome, argentan pokalon kun la surskribo « Oratora Konkurso de UEA. — Premio Ivo Lapenna » — persona donaco de la Generala Sekretario de UEA. La pokalo, kun engravurita nomo de ĉiu unua premiito, estos transdonita ĉiujare de gajninto al gajninto. La juĝokomisiono konsistas el : S-ro M. Jaumotte, Prof. G. Waringhien kaj S-ino E. Lapenna.

**FOTO-EKSPOZICIO :** La Loka Kongresa Komitato decidis organizi internacian ekspozicion de fotografajoj okaze de la 45-a Universala Kongreso en Bruselo, kun premioj de diversaj grandaj foto-firmaoj de Belgujo. Per tia unuafoja ekspozicio LKK esperas respeguligi la internaciecon de Esperanto.

**REGULARO :**

1. Povas konkursi ĉiu esperantisto, kiu estas individua aŭ asocia membro de UEA.
2. Ĉiuj temoj estas allasataj.
3. La bildoj devas esti faritaj je formato de minimume 24×30 cm. kaj sur blanka paperspeco.
4. La bildoj ne estu enkadrigitaj.
5. Sur la dorsflanko de la bildo troviĝu la nomo kaj adreso de la ensendinto kaj, eventuale la titolo de la verko. Prefere la verkoj estu senditaj kiel presajo, kun la mencio : « Fotoj por ekspozicio -sen komerca valoro ».
6. La fotoj devas esti senditaj al :
   S-ro G. Debrouwere
   Magdalenastraat 29
   Kortrijk (Belgujo)
   plej laste la 30-an de junio 1960.
7. La alsenditaj fotoj restos propraĵo de LKK sed, estos eventuale uzataj nur post interkonsento kaj kun mencio de la nomo de la alsendinto, escepte ol por publikiĝo en la Esperanto-periodajoj, por kio la nura mencio sufiĉas.

G.C. Fighiera,
Konstanta Kongresa Sekretario.



## CARNET ROSE

Nous apprenons les fiancailles de Roger IMBERT (Migennes, France) et de Nevenka Brajĉiĉ (Zagreb, Yougoslavie).

C'est avec une grande joie que nous formons des vœux pour le jeune bonheur de nos deux fervents espérantistes.

# CARAVANES DE L'U.E.F. A BRUXELLES 1960

**Caravane par fer.**

Horaire : Départ de Paris-Nord samedi 30 juillet 8 h. 06
Arrivée à Bruxelles 12 h. 09
Départ de Bruxelles samedi 6 août 18 h. 57
Arrivée à Paris-Nord 23 h. 05

Prix : Voyage en 2e classe et demi-pension (chambre, petit déjeuner et un repas par jour) : 240 NF.
Voyage en 1re classe et demi-pension (comme ci-dessus) : 265 NF.
Demi-pension sans voyage : 200 NF.
Supplément pour bains ou douches : 40 NF.

**Voyage en autocar** « Toute la Belgique, telle que nous l'aimons ».

Départ jeudi 28 juillet, à 8 heures : Meaux, Reims (déjeuner), les Ardennes françaises, Charleville (dîner et coucher).

Vendredi 29 juillet : Les Ardennes belges, la vallée de la Meuse, Dinant, Namur (déjeuner), Marche-les-Dames, Liège, Aix-la-Chapelle (dîner et coucher).

Samedi 30 juillet : Aix-la-Chapelle, Maestricht, Louvain, Bruxelles (déjeuner).

Séjour à Bruxelles en demi-pension jusqu'au samedi 6 août.

Samedi 6 août : Départ 13 heures. Malines, Anvers (dîner et coucher).

Dimanche 7 août : Anvers, Gand, Bruges (déjeuner), Lille, Paris (arrivée tard dans la soirée).

Prix du voyage aller et retour, tout compris, et demi-pension à Bruxelles : 450 NF.

La caravane par autocar ne pourra avoir lieu que si elle réunit au minimum 20 participants.

Adresser les adhésions pour l'une ou l'autre de ces caravanes à l'U.E.F., rue de Chabrol, 34, Paris-10e en y joignant 100 NF. d'arrhes.

---

## JUS APERIS...

la Dua Oficiala Bulteno de la 45-a Universala Kongreso de Esperanto en Bruselo, bulteno senpage sendata al ĉiuj kongresanoj.

Depost 1905 la Universalaj Kongresoj forĝis sian tradicion : kun la tempo ilia programo akiris konstantajn erojn, kaj nun la organizado de Universala Kongreso ne estas improvizita, sed ĉiufoje pliboniĝas dank'al la sperto de la antaŭaj. Tion ĉi ebligis la posteno de konstanta kongresa sekretario, kiu povis formuli ian kongresan teknikon. Kaj ĝuste ĉi tiun teknikon S-ro G. C. Fighiera iel resumas kaj prezentas per tiu Dua Oficiala Bulteno.

50 paĝoj interesaj ne nur pro la apartaj informoj koncerne la ĉi-jaran kongreson, sed ankaŭ pro la teknika aranĝo : ĝeneralaj informoj, programoj (antaŭ, dum kaj post la kongreso), kongresaj sekcioj, ĝeneralaj kaj fakaj kunvenoj, kulturaj manifestacioj, infana kongreseto, festoj, filmoj, ekskursa kaj loĝiga servoj.

Sume ĉi tiu libreto montras la organizan planon kaj amplekson de niaj kongresoj : al multaj ĝi certe servos, kiel utila memorigilo !

★

# TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO

Dum la Jubilea Kongreso en Varsovio okazis la jarkunveno de medicinistoj-esperantistoj. La partoprenintoj decidis revigligi la agadon de Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio. Oni elektis la novan estraron. Oni fiksis la konstantan adreson de la Sekretariejo :

D-ro Maria JARNUSZKISWICZ, Krakovo, str. MAZOWIECKA, 69, Pollando.

Nuna jaro estas dediĉita al la reorganizado de T.E.K.A.



### INFORMOJ DE T E K A

1. — Estas formita « Terminologia Centro » prilaboranta ampleksan medicinan vortaron esperantan (se eble multlingvan). Ĝi estas en kontakto kun la Terminologia Centro de ISAE. Ĉiuj volontuloj por kunlaborado kontaktiĝu perletere kun D-ro Andreo ALBAULT : *Toulouse* (Francujo), 8, avenue Etienne-Billières.

2. — Aperis jam (post paŭzo) la « Medicina Revuo », eldonita en Japanujo kiel duonjara revuo. Interesajn, presindajn artikolojn de medicina fako, bonvolu sendi al la Redakcio :

Prof. D-ro Masao Suzuki, *TIBA* (Japanujo)
1-a Fizioligia Instituto, Medicina Fakultato
Tiba Universitato.

3. — La Estraro de T.E.K.A. rajtigis S-ron Josef Ambroz, vic-prezidanto de Ceĥoslovakaj Invalidoj, BRNO-ZIDENICE, str. Spaĉkova, 3, Ceĥoslovakio. komenci laboron sociale sanitaran. Li deziras kunlaborantojn en ĉiuj landoj.

4. — Oni decidis krei en Krakovo konstantan (poste migrantan) ekspozicion de medicinaj vortaroj, de originalaj kaj tradukitaj verkoj, libroj, artikoloj kaj skribaĵoj koncernantaj medicinajn temojn. Ni petas ke ĉiuj posedantoj de tiuj objektoj sendu ilin bonvole al Sekretariejo kontraŭ konvena rekompenso. (D-ro M. JARNUSZKIEWICZ, Pollando, KRAKOVO).

5. — La Estraro de T.E.K.A. deziras prilabori la detalan historion de TEKA. Ni petas, ke ĉiuj Esperantistoj, kiuj havas iajn materialojn (eĉ informojn) pri la ĝisnuna agado de TEKA kaj pri ĝiaj funkciuloj en siaj landoj, sendu ilin bonvole je la konstanta adreso de Sekretariejo, en Krakovo.

6. — Ĉi-jare okazos en Bruselo du la UK, la Jubilea Fakkunveno de la kuracistaro (30-a datreveno de TEKA-fondiĝo). La Estraro de TEKA kore invitas ĉiujn gekuracistojn partopreni la Kongreson.



### NIAJ TASKOJ KAJ NIA CELO

La medicino kaj Esperanto estas helpiloj por la homaro kaj ilin kunigi estas la bela homama idealo de la kuracistoj-esperantistoj. Por efektivigi ĝin kaj plej eble alproksimiĝi al la idealo, estas bezona reala programo de la agadkampo kaj desegno de la agmaniero kaj ekkono de la realaj vojoj, sur kiuj oni devas paŝi.

Nia programo havas du ĉefajn flankojn : unue, oni devas montri al la mondo kaj kuracistaro, ke Esperanto tute maturiĝis, kaj jam nun estas bonega interkomprenilo en medicinaj kaj kuracistaj aferoj, ke ĝi estas taŭga kuniradi kaj adaptadi sin laŭ la nuntempa progresanta medicino ; kaj due, oni devas diskonigi la Lingvon en kuracistaj rondoj, plinombrigi la aron de kuracistoj — esperantistoj, unuvorte, diligente propagandi.

Ni devas instruadi Esperanton, gajni membrojn kaj simpatiulojn kaj subtenantojn, propagandi la utilon de Esperanto en medicinaj rondoj, mone mem subteni kaj aliajn instigi al subteno de niaj entreprenoj, enkondukadi Esperanton en internaciajn kongresojn, konferencojn kaj instituciojn, kompiladi adresojn de kuracistoj — esperantistoj, eldoni verkojn, medicinajn vortarojn, ktp.

Grava tasko farebla kaj farota sole per unuiĝintaj fortoj. Ĉiuj membroj kaj kolegoj devas helpi, ĉu per scienca kunlaborado, kunmetado de artikoloj propraj kaj fremdaj kaj referaĵoj, ĉu per la propagando instruado de volontuloj, kunmetado de mondonacoj anoncoj al « MEDICINA REVUO », ĉu per diversaj aliaj aranĝoj laŭ bezono de koncerna lando aŭ cirkonstancoj.

Tiamaniere ni estos post pli aŭ malpli longa tempo vere internacie bazitaj, enkondukitaj kaj disvastigitaj kaj tiam eble la entuziasmo por Esperanto faros lokon por komunaj esploroj kaj eltrovoj, komprenataj de la tutmondo.

Kontaktiĝu kun Sekretario de Tutmonda Kuracista Esperanta Asocio.

D-ro Maria JARNUSZKIEWICZ
(Pollando), *KRAKOVO*, str. Mazowiecka, 69.

# LA DEĴORA KLAĈISTO

Distingiĝi el la ĝenerala grego jen la vivcelo de multaj samtempuloj : el tio multiĝis plej diversaj ordenaj rubandoj kaj steloj, premiaj diplomoj, pokaloj kaj titoloj... ĉar distingiĝi oni povas laŭ diversaj manieroj, kaj interalie laŭ la bona aŭ la malbona, per ideoj fruktodonaj aŭ plene stultaj.

Tial ŝajnis al ni, ke mankas io en Esperantujo, malestas ia speciala ordeno ne por tiuj, kiuj trafe agas por la disvastiĝo de la Lingvo (ili estus tro multaj !), sed por tiuj — pleje ofte neesperantistoj — kiuj ja eldiris aŭ faris la plej elstarajn nekredeblajn stultaĵojn kontraŭ La Lingvon. En tia « honortabelo » niaj pranepoj povu legi la eksterordinarajn farojn.

Tie brilus do la nomo de la dano Blinkenberg, kiel *komandoro,* kiu en la jaro 1954 flatis la urugvajanojn pri ilia kuirarto... — ankaŭ la nomo de la franco Bérard, kiu siatempe malpermesis la instruadon de la Lingvo en lernejoj...

Kaj nuntempe specialan palmon de kavaliro ni rezervus, pro lia mirinda ĉefverko, al S-ro Francis Mirepoix, elstara plumknaristo de la revuo « Science et Vie » (aprila numero). Lia artikolo kovis ja elstarajn ambiciojn, interalie prezenti per unu paĝo la interplektitan historion de la interlingvistiko. Jam tio ĉi estus heroaĵo ! Bedaŭrinde mankis al li la informofonto. Tial li provis elturniĝi el la senfunda puto per rimarkinda citaĵo en Esperanto, en kiu citaĵo brilegas du barbarismoj liaj. Nu, kiel riproĉi lin ? Li tute ne scias la Lingvon. Tamen li aplombe parolas pri ĝi : des pli rimarkinde !

Ja, la ĉefverko kuŝas en desegnaĵo, reprezentanta la Babelturon, kun la jena laŭ li sprita komento :

« — Esperanty ?

— Nein ! Esperantung ! »

Kompreneble oni povus komenti la komenton :

— Ha ! Iom malmulte ,junulo ? Kial ne « Esperanting » aŭ « Esperantion », variante la tonon ?

— Ba ! — li replikus — oni faras, kiom oni povas ; kaj kiam oni povas malmulte... pli bona io ol nenio !

Sed, en la vosto la veneno ! Tiu nobla sinjoro finas sian riĉajn meditadon per la duobla aserto, ke la « helpaj » lingvoj « sukcesos nur nutri la scienculojn per *malriĉiĝitaj* pensoj »... kaj « ke la studo de Esperanto *iom* plifaciligas la postajn lingvostudojn *por la malplej inteligentaj lernantoj...* »

Kiel delikate dirita estas tio ĉi !

Ĉu vere vi ne pensas, ke S-ro Francis Mirepoix meritas ricevi palmon ? Al tiu ĉi juna gazetisto, freŝe bakita verŝajne de « Alma Mater », starigi statuon kun azena ĉapo ! Ni lasu la zorgon al niaj pranepoj.

VERRIDO.

# DE LA 14-a GIS LA 29-a DE MAJO 1960...

**vin invitas la PARIZA FOIRO**

**...la tutmonda interkruciĝa punkto de la aferoj.**

- 13.000 *eksponantoj* prezentas siajn produktaĵojn al 4.000.000 da vizitantoj.
- ĝi estas la plej reprezenta manifestacio de la *monda merkato :* 3.000 alilandaj partoprenantoj, miloj da aĉetantoj el ĉiuj landoj.
- materialo *je ĉ. 50 miliardoj da frankoj* estas amasigita en parkon de 450.000 kvadrataj metroj.
- 25 pavilonoj de diversaj landoj estas kunigitaj en la *Palaco de l'Nacioj,* prestiĝa ekspozici-navo de 250.000 kubaj metroj.
- oni trovas en la Pariza Foiro ĉiajn specimenojn de la moderna *industri-produktado* kaj ĉiajn teknikajn novaĵojn por la entrepreneja ekipado.
- la franca kvalito estas reprezentita per siaj plej bonaj realigaĵoj, interalie en la fama sekcio « *Prestiĝo de Arto en Industrio* ».
- 25 %-rabato estas konsentita de la plimulto el la *fervojaj kompanioj eŭropaj.*
- *Esperanto-budo* informas la vizitantojn.
- *la sep sensaciaĵoj* de 1960 : — la *moderna vilaĝo* el antaŭfabrikitaj elementoj — la *boata noktofesto* kun spektaklo kaj fajraĵo — la plej granda *vojaĝagentejo* en la mondo — la *ĝardenaj bredbedoj* kun riveroj kaj basenoj — la *dekoraci-arto* de hejmoj — la « *surprizo* » en la Sportpalaco — la internacia *konkurso pri inventaĵoj* (speciala regularo estas sendita post simpla peto farita al la Komitato de la Pariza Foiro, 23, rue Notre-Dame-des-Victoires, Paris II).

Kun junaj knaboj (ĉ. 14-jaraj) ni deziras korespondi pri la jenaj temoj. entomologio, botaniko, geologio, zoologio.

Claude WACJMAN, 23, rue du Caire, Paris II.

Daniel TURPIN, 183, rue St-Denis, Paris II.

*La Esperanta P.T.T. Asocio,* 20, av. de Ségur, Paris-7e.

Sciigas ke, por komencantoj, okazas kurso pri la Lingvo Internacia, ĉiulunde de 18 h 30 ĝis 19 h 30 en salono de la administrejo, 82, rue Blomet, Paris-15e.

La kurso estas senpaga, la lernantoj bezonas aĉeti nur la lernolibron (ĉirkaŭ 5 NFr.).

Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro COLLOMB, administranto, SEGur : 16-40, poste 13.35.

# LA GROTOJ DE HAN

## viditaj de George Sand

Dum vojaĝo, kiun ŝi faris tra la Mozo-regiono, George Sand sin kondukigis al Han, kie ŝi vizitis la famajn grotojn. Ŝi priskribas ilin en sia verko « Malgraŭ Ĉio ». Oni scias, ke en tiu tempo la elektra lumo ankoraŭ ne estis konata kaj ke la grotoj mem estis malpli atingeblaj ol nun.

Jen la teksto de George Sand :

« Mi eklogis en la rustika gastejo de Han, kie « mi estis servata per tiu brila pureco, abundo « kaj malkareco, kiu regas en la tuta lando. Mi « petis pri la gvidisto, li forestis ; neniu volis « anstataŭi lin. Oni ne vizitis la grotojn en tiu « periodo de la jaro. Lesse-rivero tie kaŭzis multajn detruojn en ĉiu vintro ; ĉiun printempon, « laboroj estis farendaj, por ke la trapasejoj estu « uzeblaj kaj tiuj laboroj ankoraŭ ne estis pretaj. « Por ke mi ne estu senutile veninta, mi petis « almenaŭ vidi la roktruon, en kiun Lesse impetegas. Nenio estis pli facila ; estis malproksime je duonhoro da irado kaj iu ajn infano « povus min tien gvidi.

« Mi pli ŝatis esti sola. Mi indikigis al mi la « vojon kaj eniris mallarĝan, freŝan valon, kiun « interrompis rokoj kaj aretoj da arboj ĉerande « de l'monto, en kiu la grotoj sin kaŝas. Tiu senkultura pejzaĝo estas rava. Lesse sin elmontras « en la verdaj ŝirajoj, kiujn ĝi superakvas dum « la printempo. Mi venis tra ĉarmaj vojetoj al « la faŭko nigraŝtona, kien ĝi englitas kun obtuza



(Laŭ afabla permeso de la Societo « Grottes de Han-sur-Lesse »)

La rivero tra la groto

« kaj freŝa muĝado. Mi serĉis padon, kiu permesus al mi eniri kun « la torento en la abismon. Ĝi ne ekzistis. Lesse plenigis la tutan « volbon, kie ĝi malaperis.

« Ni eniris la tenebron kun niaj torĉoj, kies fumo nin blindigis. « Longtempe ni pene paŝis sur la glita roko, nevidante ion alian ol « mallarĝajn pejzaĝojn kaj stalaktitojn neimpresajn kaj sen intereso. Mi bedaŭris, ke mi entreprenis malagrablan promenadon « tute senemocian ; sed post proksimume unu mejlo, ni eniris la « ĥaoson. La min premantaj vandoj disstariĝis, la tero rapide kaviĝis, malhelaj spacoj, kiujn la torĉoj plenigis per ruĝeta nebulo, « malfermiĝis jen sub miaj piedoj, jen super mia kapo : Lesse muĝis « en tiuj nevideblaj profundoj. Ni supreniris altaĵetojn malfacilajn « pro la argila tero, ĉiam sorbigita de la roka ŝvitaĵo. Ni trairis « grandegajn galeriojn. Mi ne haltis por rigardi la salaktitajn bizarajojn. Mi provis klarigi al mi la formojn de tiu subtera mondo, « kiu ne estas — kiel oni kredas en la lando — ellaborajo de la « Lesse-akvo. Estas interna, fortega diskrako kie la torento trovis « trairon, lasante sin forkonduki per la deklivo, evitante la renkontataĵn malhelpajojn, igante sin larĝa aŭ mallarĝa, rapida aŭ « malvigla laŭ la stato de fluejo kaj bordoj, ja kondutante same kiel « ĝi subĉiele kondutas. Neniel mirige do (x), sed estiĝis subtera « mondo laŭ proporcioj rar-majestaj. Mi povis konvinkiĝi pri tio « kiam, nin turnante al bruo de voĉoj kaj iloj, ni venis en loko « kies padojn liberigis dudeko da laboristoj. Ĉiuj havis torĉojn, ĉar « ili troviĝis dise sur pluraj punktoj, mi ne bezonis peti al ili eklumigi. La subtera pejzaĝo estis luma laŭ deziro.

(Suite page 68)



(Laŭ afabla permeso de la Societo « Grottes de Han-sur-Lesse »)

Barkoj sur la rivero

# CATALOGUE U.E.F.

## AVRIL 1960

| | NF |
|---|---|
| Affiche 40 × 60 | 0,10 |
| Affiche 80 × 60 (textes divers) | 1,00 |
| Blason tissu « Esperanto parolata » | 2,60 |
| Carte postale « Esperanto » | 0,10 |
| Carte postale portrait du Dr Zamenhof | 0,30 |
| Carte postale avec étoile verte | 0,05 |
| Enveloppe avec étoile verte | 0,05 |
| Fanion en toile pour bicyclette ou voiture | 1,40 |
| Insigne (bouton ou broche) | 1,10 |
| Papier à lettres avec étoile verte, bloc de 100 feuilles lignées ou non, format 13,5 × 21 | 2,20 |
| format 21 × 27 | 3,20 |
| Photographie du Dr Zamenhof 10,5 × 16 | 0,50 |
| Tract grammaire et vocabulaire | 0,10 |
| L'Esperanto cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Esperanto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,25 |

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| ABC de Waringhien | 1,50 |
| Dialekto, Dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Esperanto kaj Lernejo (Slovenia-Ligo) | 10,00 |
| Esperanto Legolibro (Migliorini) | 3,75 |
| Esperanto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Esperanto por Infanoj (Solomon) | 2,10 |
| L'Eperanto facile (Gaume) | 3,00 |
| Konversacia Literaturo (8 broch. méthode directe) | 1,80 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) avec corrigés | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) | 4,00 |
| d° corrigés | 0,70 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setala) | 6,00 |
| Slosiloj diversaj | 0,40 |
| Traduko de la Provtekstoj en la Gvidlibro | 1,00 |
| Unua Legolibro (Kabe) | 1,75 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 1,75 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Esperanto (Grosjean-Maupin) | 8,10 |
| Fervoja Terminaro (Rosher) | 1,70 |
| Gastronomia Terminaro | 4,55 |
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) | 28,30 |
| Lexique Esperanto-Français (Léger) | 5,40 |
| Matematika Terminaro | 1,25 |
| Militista Vortareto | 1,20 |
| Les Mots Esperanto groupés (Bobin) | 1,00 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro | 12,50 |
| Scienca Terminaro | 19,60 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 2,20 |

### LA MOVADO (Lingvo, Historio)

| | |
|---|---|
| Le Docteur Esperanto (M. Ziolkowska) | 6,50 |
| La Esperanto Klubo (Malmgren) | 1,10 |
| La Esperanto Movado (Stop-Bowitz kaj Isbrucker) | 2,80 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,10 |

| | NF |
|---|---|
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bind | 8,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I kaj II binditaj | 19,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 15,75 |
| Per Kio ni amuzu nin ? (Rosenberg-Malmgren) | 1,10 |
| Retoriko (Lapenna), bindita | 15,40 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |

### LITERATURO (Prozajoj)

| | |
|---|---|
| Abismoj originala romano (Jean Forge) | 3,15 |
| Akbar (Limburg Brouwer), bindita | 5,00 |
| La Alaska Stafeto (Omelka), bindita | 4,20 |
| La alia Pasinteco (Bulthuis), bindita | 7,00 |
| La Amo en la Jaro Dekmil (Ignotus), bindita | 5,25 |
| Angla Antologio (Auld kaj Rossetti) | 14,00 |
| Anstataŭa Edzino (Maxwel), bindita | 4,20 |
| Aventuroj de Malspertulo (Reitzel), bindita | 0,60 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita. | 4,20 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 1,75 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider kaj Carlsson) | 0,75 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Doktoro Dorner (Egurrup) | 5,60 |
| El la Maniko (Rossetti) | 10,00 |
| Eseoj I (Waringhien) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) | 6,30 |
| La Firmao de la Kato kiu pilkludas (Balzac) | 1,05 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,30 |
| La Ĝoja Podio (R. Schwartz) | 4,00 |
| Hebreaj Rakontoj (Alehem) | 1,05 |
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,10 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I kaj II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) | 6,30 |
| Karlo (Privat) | 1,05 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Koko krias jam! (Szilagyi) | 10,00 |
| Kredu min Sinjorino! (Rossetti), bindita | 7,80 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 7,50 |
| Misteroj de l'Vivo (Bogh-Hogsted) | 3,50 |
| Morto de Trajno (Crofts), bindita | 7,50 |
| La Naiveco de Pastro Brown (Chesterton), bindita | 4,20 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 16,80 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 2,50 |
| Palaco de Danĝero (Mabel Wagnalls), bindita | 4,90 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| La Princo kaj Betty (Wodehouse) | 1,70 |
| Saltego trans Jarmiloj (Jean Forge) | 3,15 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 10,75 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| Undino (Schreiner), bindita | 4,50 |
| Victoria (Knut Hamson) | 4,20 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard) | 3,30 |
| La Vojo Returne (Remarque), bindita | 4,20 |

### TEATRO KAJ POEZIO

| | NF |
|---|---|
| Antonio kaj Kleopatro (Shakespeare) | 2,10 |
| La Bapto de Caro Vladimir (Havliĉek) | 10,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| Fabloj de La Fontaine | 2,00 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,40 |
| La Gajaj Edzinoj de Windsor (Shakespeare) | 2,10 |
| Georgo Dandin (Molière) | 2,65 |
| La Infana Raso (W. Auld) | 10,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Pasko (Strindberg) | 5,50 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| Poemoj de Omar Kajam | 2,50 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,30 |
| Romeo kaj Julieto (Shakespeare) | 2,10 |
| Sinjoro Tadeo (Mickiewicz), bindita | 8,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 2,80 |

### RELIGIO KAJ FILOZOFIO

| | |
|---|---|
| Maksimoj de la Rochefoucauld (franca kaj esperanta kune) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 2,50 |
| Papo Pio X beata | 3,35 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### SOCIOLOGIO KAJ POLITIKO

| | |
|---|---|
| Aktualaj Problemoj de la Nuntempa Internacia Vivo (Lapenna) | 7,00 |

| | NF |
|---|---|
| Federala Sperto (E. Privat) | 3,15 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18.50 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 2,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,60 |
| Pola Folkoro (Grenkamp) | 2,00 |
| Adrejaro por internaciaj vojaĝantoj (Rétot) | 1,20 |

### ARTO, KOMERCO, SCIENCO KAJ TEKNIKO

| | |
|---|---|
| La Arto fariĝi Centjara (Wegener) | 2,80 |
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,40 |
| Pri Bredado de Abeloj (Andersen) | 4,20 |
| La Vivo de la Plantoj (Neergaard) | 11,20 |
| Eta Interpretisto Franca (Rétot) | 1,20 |

### KANTOJ

| | |
|---|---|
| Koncerta Kantaro (Brederode kaj Veldkamp) | 3,85 |
| Internacia Kantaro (Benneman) ...... vortoj | 1,75 |
| muziknotoj | 4,55 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 8,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe) I, II, III, ĉiu | 9.00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 fr. ; 15 % jusqu'à 20 fr. ; et 10 % au-dessus.
Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris (10e). C.C.P. 855-35 Paris.

*KOMUNIKAS* S-ro F. Jelenc de Maison-Carrée (Alger) :

En « Revue Bryologique et Lichénologique » (1959, 18, p. 396-397), la plej grava revuo dediĉita al la studo de la muskoj kaj likenoj, aperis resumo en Esperanto de tre interesa artikolo pri la likenoj de Alpoj (aŭtoroj : S-roj Clauzade kaj Rondo, Universitato de Marsejlo)... Laŭ mia scio, elstara botanika revuo franca unua- foge akceptas la Lingvon Internacian...

*La Red :* Ni danke mencias la laŭdindan iniciaton de S-ino Allorge, la direktorino de la revuo ; ĝi estas rekta invito al sciencistoj kaj fakuloj agi sammaniere. Certe tiuj ĉi ne preteratentos tian okazon, kaj por komenci skribos gratulleteron al « Revue Bryologique et Lichénologique — Museum National d'Histoire Naturelle — 12, rue de Buffon, Paris (5).

## ESPERANTO kaj POŜTO

— Sub tiu titolo, UEF pere de S-ro ROUSSEAU kaj kun la helpo de S-ino FAYOT kaj S-ro RIBOT, aranĝos ekspozicion, kiu havos lokon ĉe « Le Monde des Philatélistes », 14, rue du Helder, Paris, de la 1-a ĝis 31-a de majo 1960.

— Ĝi estos vizitota de lundo ĝis vendredo de la 9-a - 12-a kaj 14-a - 16-a, kaj sabate de la 9-a - 12-a.

(Suite de la page 66)

« Imagu al vi ravinon kun torento en la fundo, grandegaj blokoj senorde disĵetitaj sur la suprajôj de montetoj rapid-deklivaj ; donu al tiu vasta pentraĵo kadron de kolosaj montbazoj, kies suproj perdiĝas en la nokto, kun por ĉielo la nepenetrebla ombro de volbo, longa unu kilometron kaj tricent futojn alta. Estas alpa ĥaoso enfosigita en ĥaoso. Estas sceno de rompitaj montoj interne de kompakta monto. La bruo de l'fluanta akvo, la laboristoj okupitaj pri la retrovo de l'rustika ponto, donis aspekton de stranga vivo al tiu enterigita dekoro.

« Ni enbarkiĝis kun aliaj kampuloj, kiuj ekregalis nin per laŭtega kanontondrado, kies eksplodbruo pludaŭris senfine sub la vastega arkaĵo. Apenaŭ instalitaj por la forveturo, oni estingis la torĉojn ; absoluta mallumo nin ĉirkaŭvolvis.

« Eta blua punkto kiel pala safiro truis la senliman tenebron. La nesentebla fluo irigis nin senbrue al tiu brileto rapide fortiĝanta, iĝanta lunlumo, poste matena krepusko, poste belega lazura groto. La lago malvastiĝanta pleniĝas de la supermezuraj rebriloj de l'volbo, kaj tiu spegulo eksterordinare senmova ekaperis kiel senakva abismo, kie la barko ekrompiĝos kaj perdiĝos en la hirtaj profundoj de monstraj rokoj. Mi naive demandis al mi mem kiel ni transiros tiun abismon, kiam la lazura groto iĝis arda fajrejo, de kiu la okuloj apenaŭ toleris la brilegon. Jen la tago, la tago malbrila, ĉar pluvis ekstere. Kia do estus tiu lumpenetro en la krepuskon, kiam la suno kunludas. »

trad. TYN.

(x) George Sand eraras. Ja estas la rivero Lesse, kiu fosis la grandegajn galeriojn tra kalka tereno.

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. Guillaume